ojn — nu, tiam vi ne devas plendi pri tio, ke la dormo ne refreŝiĝis vin kaj viajn familianojn, ĉar vi mem malebliĝis tion.

Freŝa aero! En tiuj ĉi du vortoj kuŝas la tuta sekreto de refreŝiĝa nokta ripozo. Freŝa aero! Kaj el tiu ĉi postulo rezultas kun nepra neceseco la sekvantaj postuloj. La plej bona, plej granda, la plej multajn fenestrojn havanta ĉambro de la loĝejo estu la komuna dormejo. La plej bona? demandas la surprizita mastrino, ĝin mi ja devas aranĝi kiel salonon. Sensencaĵo! Neniu alia ĉambro, ol la plej bona, estas ĝuste sufiĉe bona por servi kiel dormoĉambro. Plej bone estas, se ĝi kuŝas inter du aliaj ĉambroj kaj havas trian pordon al la koridoro. Tiam oni tage kaj nokte povas zorgi pri la necesa alkondukado de freŝa aero.

Kiu povas ĝin elteni — sed nur tiu — ankaŭ nokte devas dormi ĉe malfermitaj fenestroj. Tie, kie infanoj dormas kune kun plenkreskuloj en la sama ĉambro, tio ja malpermesas sin per si mem, sed tamen malfermu la fenestrojn — dum la tago!

La dormoĉambro ne samtempe devas esti la dumtaga restejo de la familio — do, en somero kaj vintro la dormkunuloj devas forlasi la dormejon, tuj post kiam ili ellitiĝis; kaj poste malfermu la fenestrojn, metu la litkovrilojn sur la fenestran breton kaj aerumi la kapkusenojn. Kaj tiel lasu efiki la freŝan aeron dum kelkaj horoj je la litaĵoj, kaj poste vi povas ilin denove ordiĝi, sed lasu ilin nekovritaj kaj ne metu sur ilin, pro pli bona aspekto, ankoraŭ dikajn, multkolorajn kovrilojn.

Sed dum la nokto oni malfermu la pordojn al la apudaj ĉambroj aŭ al la koridoro kaj enlasu freŝan aeron. Dum la nokto ni foruzas multe da ozono kaj elspiras multe da karbonacido. Se ni ne zorgas pri alkonduko de freŝa ozono, ni denove enspiras la eluzitan aeron kaj ne devas miri, se ni la sekvantan tagon havas profundajn kapdolorojn.

*Bondormanto.*

## De kie devenas la fortepiano?

Veraj fortepianoj ekzistas nur de post la komenco de l' 18a jarcento; sed kiu elpensis la fortepianon mem, tio ne estas precize konata. En la 16a kaj 17a jarcentoj estis multe uzataj la tielnomitaj „harspihordoj", fabrikitaj de Rückers en Antwerpen. Poste la germano Jakob Kirchmani kaj la sviso Burkhard Tschudi grave pliperfektigis la harspihordon de Rückers, kaj Tschudi sendis en 1757 grandan tian instrumenton al Frederiko IIa, reĝo de Prusujo. Johann Sumpe, ankaŭ germano, faris unue la plibonigon, enkonduki anstataŭ la bobenoj, kutime uzitaj ĉe la pli malnovaj instrumentoj, la ankoraŭ nun uzatajn martelojn, tiel ke oni ne plu bezonis vibrigi la kordojn per la bobenoj. Per tio la ludanto estis kapabla ludi piane, kresĉende, forte kaj fortisime. Cetere estas tre verŝajne, ke oni neniam ekscios, kiu efektive estas konsiderebla kiel elpensinto de la fortepiano. Kelkaj asertas, ke florentano, Bartolommeo Cristofori, elpensis ĝin en 1711. Aliaj aljuĝas ĉi tiun meriton al la saksa orgenkonstruisto Silbermann aŭ al la german-bohemo Schröter. Fine ankoraŭ aliaj diras, ke estis angla monaĥo, patro Ward, kiu komence de la antaŭa jarcento vivis en Rom. La unua „granda fortepiano" estis elpensita de holandano, Americus Lackers, kiu konstruis ĝin en 1769.

## Kelkaj sciindaĵoj.

La suno ne staras senmove, sed ĝi moviĝas per ne kredebla rapideco. Ĝi (kaj kun ĝi ĝia tuta planedaro, do ankaŭ la tero) traflugas en ĉiu sekundo 57 kilometrojn, laŭŝajne en la direkto al la stelgrupo de Herkules.

*

De antaŭ nelonge oni fabrikas artefaritan eburon, nome ĉefe el sekigita kaj pulvorigita lakto sub aldono de kelkaj ĥemiaĵoj. Oni povas doni al ĝi brilantan poluron, kaj ĝi ne flaviĝas iom post iom kiel la natura eburo.

*

La nekulturitaj popoloj ne estas speciale rezistemaj kontraŭ influoj de la klimo kaj de la ĉirkaŭaĵo. Ekzemple en Kameruno venas je 100 virinoj nur 140 infanoj ĉe la plej fortaj popoletoj, ĉe aliaj eĉ nur 50. Ankaŭ la meza vivodaŭro de la kamerunaj negroj estas multe pli mallonga ol tiu de la eŭropanoj.

*

Laŭ A. König la normala (ne kolorerara) okulo povas distingi 160 diversajn kolorojn. Sed oni diras, ke en la antikvaj romaj mozaikoj troviĝas 30 000 diversaj kolornuancoj. La hinda, greka kaj biblia antikveco ne konis la bluan koloron kaj egaligis ĝin kun la nigra.

*

La reeltrovinto de la farado de emajlo estis malriĉa franca vitrofaristo, Bernard Pallisy, kiu naskiĝis en la jaro 1510 en iu loko de Gironde. Li estis favorata de Katarino de Medici, sed li mortis en 1558 en la „Bastille", en kiun li unu jaron antaŭe estis enfermita pro suspekto de herezo.

## Sub la verdaj standardoj de Kraków tra la „Alta Tatra" al Budapest.

En la vera senco de ĉi tiu vorto ni vojaĝis sub verdaj standardoj, ĉar nia afabla gvidanto, S-ro D-ro Loránd el Budapest, kiam ni en Kraków komencis la vojaĝon, portis en unu mano du grandajn flagojn kaj — ne forgesinte la ĉefaferon — en la alia la belan fotografajon de „Wawel". Kiam ni demandis lin: „Kial vi ne enpakis la bildon?" li serioze diris: „Ho, mi devas fari propagandon!" Tion li ankaŭ altgrade efektivigis.

Nia rondo konsistis, krom la hungara gvidanto, el 4 francoj, 4 germanoj kaj 2 bulgaroj. La du lastaj junaj samideanoj prenis sur sin la taskon, nelacigeble flirtigi niajn flagojn.

Alveninte la unuan tagon en Poprad-Felka, ni vizitis la tri famajn „Ŝmeks" kaj faris piedpromenadon al Westerheim. Ĉie oni ankoraŭ renkontis kongresanojn, tramarŝantajn la montaron, kiuj same kiel ni ĝojis pri la revido.

Post reveno al malnova Ŝmeks niaj korpoj reviviĝis preskaŭ nur per la viglaj melodioj de la cigana orkestro. Tamen ni ankaŭ ne forgesis provi la hungaran vinon.

La duan tagon ni frue leviĝis por viziti la „Ĉorber"-lagon — 1452 m super la marnivelo.

Nur tiu, kiu jam vidis altmontarajn lagojn, povas imagi tiun naturvidindajon. Krudaj, altaj rokoj, en kies fendoj kuŝas neĝo, duflanke enkadrigas la lagon. La suprajo de la verda, klara akvo respegulas la siluetojn de altegaj pinoj. Super ĉio regas la blua ĉielo, la pura saniga aero. Kun bedaŭro ni forlasis ĉi tiun perlon inter la montarlagoj.

La fervojo nin portis Budapest'on, kiun ni vespere atingis, por ĉeesti la 1an Hungarlandan Esperanto-Kongreson.

Interesplene por ni estis, ke dum la unua kongrestago estis la plej granda religia festotago de la hungaroj: St. Stefano. En ĉi tiu tago granda popolamaso migradas Budapest'on, por vidi en la kastelpreĝejo la manon de la Sanktulo. Nacie vestitaj ĝekamparanoj miksas sin inter urbanoj kaj vivigas la bildon. Sur la bela Margaretinsulo kunvenis posttagmeze proksimume 200 ĝesamideanoj, por vespermanĝo kaj reciproka interkonatiĝo.

Budapestaj ĝesamideanoj deklamis, kantis kaj ĉiumaniere amuzis la ĉeestantojn.

La 21an de Aŭgusto, je la 11a horo antaŭtagmeze, oni solene malfermis la kongreson. S-ro D-ro Loránd salutis la vere internacian ĉeestantaron el 12 nacioj, inter kiu estis vizitintoj de ĉiuj mondkongresoj. La prezidanto, S-ro D-ro Giesswein, faris Esperantan kaj hungaran paroladojn, treege aplaŭditajn. La delegitoj de la diversaj landoj kaj reprezentantoj de diversaj ligoj kaj fakaj asocioj salutis la kongreson.

Per dentrada vagonaro ni posttagmeze suprenrampis la „Ŝvaben"-monton, de kie ni ĝuis belegan panoramon de Budapest kaj ĉirkaŭajo.

La lastan tagon oni prezentis la humorplenan, zorge preparitan teatrajon *„La tri gardistoj"*, el la hungara lingvo tradukitan de F-ino O. Liebner, kiu ankaŭ ludis la ĉefrolon. Granda aplaŭdo rekompencis la ĝeaktorojn, sed por ni ĉi tio signifis la finon de la belaj tagoj, kune pasigitaj kun la amindaj hungaraj ĝesamideanoj. Ni tute ne havis la senton, esti en fremda lando.

Antaŭ mi kuŝas la fotografajo de partoprenintoj de la hungarlanda kongreso, sed ni eĉ ne bezonas ĝin, ĉar la afableco de la samideanoj hungaraj kaj precipe de S-ro D-ro Loránd daŭre enradikiĝis en nia memoro.

Budapest, kun siaj famoj pontoj trans la potenca Danubo kaj kun famaj konstruajoj en pura stilo, vere estas vidinda urbo. *Szymanowski.*

## Humoraĵoj

### Kelkaj anekdotoj pri scienculoj.

En Heidelberg oni intencis instali gaslumigadon en preĝejo. Obstinega kontraŭulo de la gaslumo estis Sinjoro Gass, profesoro de teologio, kiu forte kontraŭbatalis ĉi tiun novajon. Kelkajn tagojn poste oni legis en gazeto de Heidelberg:

Gass ne volas gason en la preĝejo.
Ho! Gaso ne estas preĝeja lumo.

*

La fama orientalisto kaj verkisto de multaj verkoj pri la hebrea lingvo, Wilhelm Gesenius el Halle, estis petata de studento, redoni la honorarion. La profesoro rifuzis tion malafable, kaj nun la studento petis redoni al li almenaŭ la duonon. „Sinjoro," kolere demandis Gesenius, „kiel vi povas permesi al vi, voli marĉandi kun mi? Kion vi pensas pri mi?" „Mi pensas, ke vi estas la plej granda hebreo de nia tempo," respondis dusence la studento. — Oni rakontas, ke Gesenius tuj redonis la honorarion.

*

La Berlinan dermatologon Lassar konsultis paciento pro malkresko de siaj haroj. Lassar donis al li recepton kaj diris, ke la paciento devos sin montri al li de tempo al tempo. „Jes, sed mi ne loĝas en Berlin, kaj mi ne povas veni tiel ofte Berlinon, nur pro miaj haroj!" — „Nu bone, tiam sendu al mi viajn harojn, mi elploros ilin mikroskope kaj ordonos al vi la neceson." Dirite — farite. La paciento sendis harojn, uzis la ordonitajn pomadojn kaj ŝmirajojn kaj sendis denove harojn. Sed fine alvenis letero kun la sekvanta enhavo: Mi permesas al mi sendi al vi denove kelkajn harojn; bedaŭrinde mi ne povos daŭrigi tion, ĉar ili estas miaj lastaj. *Lydia Oesterreich.*

# ≡ Grafologia fako ≡

## Kondiĉoj por la uzo de nia grafologia fako.

1. Kun ĉiu demando oni sendu 2—3 skribajojn de minimume po 10—15 linioj, skribitajn, ne speciale por tiu celo, per inko sur papero sen linioj. Nepre rekomendinde estas, ke la skribajoj devenu el diversaj tempoj dum la lastaj monatoj.

2. Oni diru la sekson kaj la aĝon de la skribinto. La grafologo ofte ne povas ekkoni la sekson el la skriboj, tamen tiu ĉi scio estas grava por la prijuĝo de karakteraj ecoj.

3. Oni diru, laŭ kiu direkto specialaj esploroj estas dezirataj, ekzemple pri diligenteco, devokonscienco, akiremo, veramo, natureco, scivolemo, idealismo, realismo, konstanteco, pasioj ktp.

4. Por la prijuĝo de la manskribo de unu persono oni sendu $^{1}/_{2}$ Sm. aŭ per transpaĝilo, aŭ en 5 respondkuponoj stampitaj, aŭ per germanaj poŝtmarkoj. Krom tio oni aldonu 1 respondkuponon por afranko de la respondo.

5. La adreso por ĉiuj alsendoj estas la nia, sen iu aldono. Sed oni ne forgesu sufiĉe klare montri sian adreson!

## Respondoj.

**Valseĉ.** Vi havas malfacile ekkoneblan kaj ne prikalkuleblan naturon. Mankas al vi la karaktero, antaŭ ĉio la energio. Senforta vi estas kontraŭ la fatalo, nekontenta pri vi mem kaj pri la homoj; maltrankvila, nerveca kaj trorapidema. Ŝajnas preskaŭ, ke vi estas nervmalsana. Sendube vi estas talenta, sed kion tio utilas, se mankas la energio, kaj se la bonaj emoj de la koro estas subigitaj kaj sufokitaj de la malforteco. Vi estas nealirebla, malklara, kolerema kaj, se vi estas kolera, senkonsidera . . . . Aŭskultu, estimata samideano, en la nuna stato mi ne dezirus esti via amiko. Bedaŭrinde vi ne diris vian aĝon. Se vi estas maljuna sinjoro, via karaktero estus pli malsevere juĝata, ĉar tiam la korpa malforteco kune kun la disharmonio de la animo, eble post gravegaj okazintajoj, eventuale estus kompreneblaj. Sed ĉe junulo estas karaktero, kiel la via, nekomprenebla kaj nedifinebla. Vi certe mem ne konas vin, mi tre dubas pri tio,

**L. D.** La gusto estas bona — ĝi povas resti tiel — ĉar bona estetika sento estas sufiĉe valora en la nuna tempo de malbongusto. Sed — malbona „sed" tamen ĉiam venas — vi povus senigi vin de io, mia ŝatata samideanino kun la friponetaj okuloj — nome de la afektemo. Kial tiom da afekto, kial tiom da ceremonio? Ĉiam precize kaj klare al la celo! Rigardu nur vian subskribon! Ĉu tio estas subskribo de juna, vigla estajo? Ĉu vi ne povas montri vin natura kaj senceremonia? Mi taksas vin 19-jara. Nu, pripensu do, se okazus, ke vi enamiĝas — en viaj jaroj tio ja povas okazi — kiamaniere la kompatinda adoranto via povus alproksimiĝi al vi? Li ja ne povas supozi, ke sub la afekto kaj ceremonio sidas bela kerno, aŭ li devus esplori vian koron per rigardo simila al la radioj de Röntgen. — Nu, koleru nur pri la onklo grafologo, sed prava li tamen estas.

**Espero.** Kion la grafologo devas trovi el via manskribo? Ĉio mankas, kaj eĉ ne unu el la kondiĉoj estas plenumita. Tial mi nur povas skribi la jenon sub rezervo: Muzikema, troŝatanta la eksterajojn, ofte premita animo, eble la sekvo de travivita malsano (anemio?). Malgraŭ via trankvila karaktero vi scias tre lerte defendi vin. Vi inklinas al ideala celado, vi havas senton por mastrumado — sed tion mi nur trovas, uzante lenson, kiu dudekoble pligrandigas. — Kompreneble, ĉio estas malĝusta! Ĉu ne vere? Mi jam aŭdas vin insulti pri la malbona aŭ abomeninda grafologo — nu, mia vespermanĝo tamen bongustas — ĉar, prava mi ĉiam nur estas, post kiam la indigno foriĝis.

**Estonta bofilino.** Kompreneble ŝi estas sennoma. Daton la fraŭlino ankaŭ ne konas sur la karto. Ja, ja, la modernaj bofilinoj! La „malbonaj bopatrinoj" oni diras, sed mi kredas, ke la bofilinoj estas kulpaj. — Sed en tiu ĉi okazo la afero ne estas malbona. Estas diligenta kaj laborema homido, vigla kaj fajra, rilate al amo iom tro ĵaluza kaj pedanta. Dum la edzeco ŝi tenos la sceptron, ĉar ŝi estas kapabla por tio. Laŭ la principo de la kontraŭeco „li" devas esti trankvila kaj harmonia karaktero, kiu scias, kion li celas. — La skribintino estas iom kaŝema kaj ŝajnigema, laŭ kia direkto, ĉu en religia rilato aŭ en la ĉiutaga vivo aŭ ĉe aliaj okazoj, tio ne estas konstatebla. Certe tio mirigas, se oni konsideras la entute sinceran karakteron. *R. S.*

# Je la memoro de Tolstoj.

(Komparu la anoncojn sub „Bibliografio").

Je la memoro de la granda poeto Lev Nikolaeviĉ Tolstoj aperis en Tutmonda Biblioteko de la Moskva firmo Posrednik (Peranto) 9 volumoj, tradukitaj esperanten de Anna Ŝarapov kaj de N. Kabanov.

Per la starigo de tiu ĉi biblioteko la firmo Posrednik, fondita de Tolstoj mem en 1885, celas la eldonadon de libroj disvastigantaj ideojn pri la frata unuiĝo de homoj kaj de ĉio vivanta en la mondo, kaj ĉar ankaŭ Esperanto havas la celon unuigi la homojn kaj rasojn, oni pro tio nun komencas eldonadon de libroj en Esperanto. La 9 volumoj enhavas grandparte religiajn kaj etikajn ideojn de Tolstoj, sed ankaŭ de aliaj famaj etikistoj, prezentitajn per paraboloj kaj kelkfoje kortuŝantaj historietoj el la homa vivo.

En la volumo 1a *(Dio — unu por ĉiuj)* Tolstoj parolas pri la universaleco de Dio. En kafejo de la hinda urbo Surat renkontiĝas

hazarde persa scienculo-teologo, Bramano, hebrea monŝanĝisto, italo, protestanta pastro, turko kaj ĥina disĉiplo de konfuco. Ĉiuj disputadas pri la esenco de Dio kaj pri tio, kiamaniere oni devas Lin adori. Ĉiu asertas, ke nur en lia lando oni konas la veran Dion. Fine la ĥino, kiu dum la tuta disputado sidis silente en angulo de la kafejo, ĉesigas la vortbatalon per bela komparo de ĉiuj homaj temploj kun la templomondo Dia, kiun Dio mem konstruis por kunigi en ĝi ĉiujn homojn per unu kredokonfeso kaj unu religio.

En volumo 2a *(Unu animo en ĉiuj)* pensoj estas cititaj de Lamennais, Schopenhauer, Canning, Buddha, Marc Aurel kaj Elliot. Ĉiuj havis la fundamentan penson, ke la konscio pri la dieco de l'animo unuigas la homojn, ke ĉiuj homoj estas malsamaj, sed ke la spirito en ili estas la sama en ĉiuj. Nur tiam homo komprenas sian vivon, kiam li en ĉiu homo vidas sin mem. Des pli bona estas la vivo de homoj, ju pli klare ili konscias la unuecon de tio dieca principo, kiu vivas en ili. La plej bonaj el tiuj pensoj estas kolektitaj de Tolstoj.

Volumo 5a *(Dio vidas veron — sed ne baldaŭ diros)*. Estas malgaja rakonto pri ruso senkulpe malliberigita en Siberujo. Multajn jarojn li devas resti tie, kaj kiam nekulpeco sia pruviĝas kaj li ricevas liberecon, li mortas ĝuste en tiu ĉi momento.

Volumo 3a. En *Unua ŝtupo* la verkinto ĝenerale parolas pri abstinenco, pri sindetenemo de homaj voluptoj. Ĉiuj homoj, serioze konvertiĝintaj al la kristanismo kaj celadintaj sin kutimigi al bona kristana vivo, ĉiam komencis la bonan vivon per sindetenemo. La idealo de Kristo estas senfina perfektiĝo en amemo. Eĉ en antikvaj tempoj, kiam krista doktrino ankoraŭ ne aperis, ĉiuj instruantoj de la vivo, komencante per Sokrato, konsideris kiel unuan virton de l'vivo la sindetenemon. Poste Tolstoj parolas pri la lukso. Pri la komplikaj vivmanieroj de homo, eĉ modeste vivanta. Bona vivo estas vivo de homo, faranta bonon al homoj. Bona vivo ne estis kaj ne povas esti sen sindetenemo. Ekzistas ŝ t u p a r o de virtoj. Oni devas komenci per unua, por atingi sekvantajn. La unua virto, al kiu devas sin kutimigi homo, se li volas posedi la sekvantajn, estas prudento aŭ sinregado, kaj la sindetenemo estas la unua ŝtupo por tio. Por bona vivo oni bezonas certan sinsekvon de bonaj agoj. Homo, havanta seriozan celadon al bona vivo, neeviteble sekvas difinitan ordovicon, kaj en tiu ordovico la unua virto, por kies atingo penedas homo, estas sindeteno, sinregado.

La 4a volumo *(Per kio homoj estas vivaj)* donas tre interesan rakonton, en kiu Tolstoj klarigas tri Diajn vortojn: kio estas en homoj, kio ne estas donita al homoj, kaj per kio homoj estas vivaj. Per bela parabolo li respondas la tri demandojn. 1. En la homoj estas amo; 2. Ne estas donite al homoj scii, kion ili bezonas por sia korpo; 3. Homo estas viva ne per zorgo pri si, sed per amo. ktp.

En *Du maljunuloj* (volumo 6a) Tolstoj ankaŭ donas bonan ekzemplon de homamo. Du maljunaj vilaĝanoj pilgrimas Jerusalem'on, la riĉa Efimo kaj la malriĉa Eliseo. Eliseo ne atingas sian celon, ĉar li elspezas sian tutan monon survoje por la rebonfartiĝo de tre malriĉa kaj malsana familio. Li returnas sin hejmen, pensante, ke Dio atendos. Reveninte domen li ĉion trovas en bonordo. La familio ĝojas pri lia baldaŭa reveno. Efimo atingas la celon, vizitas ĉiujn pilgrimejojn kaj postvenas hejmen unu jaron pli malfrue, vidante ĉion en malbona stato. La filo drinkas kaj elspezis la tutan monon, kaj Efimo ekkomprenas, ke Dio ordonis al ĉiu, plenumadi sian devon en la mondo ĝis la morto — per amo kaj bonaj agoj. Ankaŭ la 7a volumo *(Kie estas amo, tie estas Dio)* donas bonan ekzemplon de homamemo de malriĉa botisto, kiu per tio ricevas plenan internan kontentiĝon.

La du lastaj volumoj havas iom aliajn tendencojn. Ili prezentas scenojn el la reala vivo. En volumo 8a *(La sieĝo de Sebastopolo)* Tolstoj majstre priskribas epizodon de la batalkampo, de la mondfama kvara bastiono kaj de la terure malbonaj statoj de la rusaj militistaj flegejoj. Vere kortuŝantaj estas la suferoj de la vunditoj, kaj tamen tra la tuta rakonto sin trenas la spirito de grandioza fatalismo de rusaj soldatoj. — La lasta volumo (9a) nin kondukas en kaŭkazajn regionojn kaj montras ekscitantajn kaj nervtiklantajn skizojn el la soldata vivo de la plej suda parto de Rusujo.

Kio karakterizas la kolekton de tiuj ĉi libroj, tio estas la bonega traduko en Esperanton. La slava stilo, ĝia klareco kaj simpleco en frazkonstruoj sin montras plastike en Esperanto, tamen la internacieco de la Esperanta stilo estas sufiĉe konsiderata, kaj oni povas denove konstati, ke rusaj Esperanto-tradukantoj apartenas al la plej lertaj inter la tuta esperantistaro. Oni nur povas rekomendi tiujn Esperantajn eldonajojn.

Koncerne la ideojn, kiujn la granda poeto, la Rousseau de la rusoj, montras en ĉi tiuj verkoj, la opinioj eble iom diversiĝas. La ĉefa merito de Tolstoj estas, ke li provis realigi la leĝojn de kristanismo en la moderna vivo. Sed se ankaŭ efektive la ĉefaj elementoj de kristaneco, la leĝoj de amo, de interniĝeco kaj pureco eniĝis en la etika vivo de kultura homo, tamen ankaŭ la plej bonaj, eĉ li, ne vivas kaj

vivis laŭ tiuj ĉi leĝoj. Efektive Tolstoj donis bonajn ekzemplojn por tio, ke homo interne de la multaj diversaj situacioj de l'homa vivo kaj de la moderna kunvivado kaj laborado povas sekvi senreste la etikajn leĝojn de kristo.

Tamen ĉiuj klopodoj de Tolstoj havas altan etikan signifon. Lia superanta artista genio jetos ĉiam grandegan ombron sur venontaj generacioj, kaj la influo de la Maljunulo de Krasnoje polonja ĉiam daŭros. *S. W.*

## Konkurso.

La Brita Esperantista Associo proponas premion de almenaŭ 12 Sm. 500 (la sumo dependas de tio, ĉu la konkursa kaso ricevos ankoraŭ donacojn) por la plej bona originala verko scienca, etika aŭ fikcia.

La verko devas esti en Esperanto, enhavi ne pli ol 5000 vortojn, kaj alveni ĉe la oficejo (133—136, High Holborn, London W.C.) ne post la 31a de Decembro 1912.

Se eble, la kandidatoj uzu skribmaŝinon kaj skribu nur sur unu flanko de l'papero.

## Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*

**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**

*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Tie ĉi ni recenzas nur verkojn duoble ricevitajn.**

* **Tutmonda Jarlibro Esperantista 1912.** (Korektita ĝis la 1a de Julio 1912). Esperantista Dokumentaro, kajero dek-naŭa. — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 1.100 Sm. [31

Fine ĝi aperis, la de longe anoncita libro, kiun oni atendis des pli senpacience, ke ĝi estas anstataŭajo de la ne plu aperantaj Poŝkalendaro de Möller & Borel kaj de la Tutmonda Jarlibro de Hachette & Cie. Se la konata proverbo „Kio longe daŭras, fariĝas bona" iel estas prava, ĝi tio estas en tiu ĉi okazo. Efektive, la libro entute estas bonega, kaj ĝia ampleksa materialo ne nur donas sufiĉe fidelan bildon de la tuta Esperanta afero, sed ĝi certe multe helpos kaj servos al la esperantistaro. Kaj tial ni danku la Centran Oficejon, ke ĝi prenis sur sin la grandegan laboron, kiun kaŭzas la kolektado kaj kunmetado de tia riĉa materialo.

La Jarlibro entenas ses partojn. La unua enhavas la ĉefajn dokumentojn, kiuj koncernas niajn oficialajn instituciojn, la historion de la diversaj institucioj kaj la adresaron de ĝiaj anoj. — En la dua parto ni trovas plenan liston de la internaciaj fakaj societoj kaj institucioj, kiuj aplikas Esperanton por specialaj celoj. — La tria parto liveras al ni la nomojn kaj adresojn de la propagandaj societoj, konataj al la Centra Oficejo. Gravaj novaĵoj en tiu ĉi parto estas la aldono de geografia kaj ekonomia notoj pri ĉiu urbo kaj la adresoj de esperantistaj komercistoj, loĝantaj en la urbo mem. Ĝoja surprizo por mi estas, ke la listo de la tria parto enhavas ankaŭ la nomaron de la delegitoj aŭ subdelegitoj de U. E. A. Do U. E. A. verŝajne ne insistis pri la malpermeso de la publikigado de siaj reprezentantoj en aliaj jarlibroj. Kaj tio estas prudenta. — La kvara parto nomas al ni la Esperantajn gazetojn, kiuj aperas en la nuna jaro. — En la kvina parto prezentas sin al ni granda listo de ĉiunaciaj esperantistoj, kiuj estas pretaj por korespondi kun samideanoj. — La lasta parto enhavas ĉiuspecajn anoncojn.

Do, la libro estas vere rekomendinda, kaj ĝi devus esti en la mano de ĉiu esperantisto. Tamen mi devas ĝin ankaŭ iomete mallaŭdi. Unue ĝi havas tro grandan formaton, kiu ja respondas al la aliaj eldonajoj de la Centra Oficejo, sed kiu estas iom maloportuna por „manlibro". Due ĝi bedaŭrinde enhavas ankoraŭ sufiĉe multajn erarojn. Mi tute ne volas kulpigi pri tio sole la redakcion de la libro; ĝi ĉefe nur estas responda pri la preseraroj. Plej kulpaj en tio estas la esperantistaj asocioj kaj societoj, kiuj ne sendis precizan materialon, multaj el ili eĉ tute ne respondis la informpetojn de la Centra Oficejo. Laŭdindan escepton faris nia germana asocio, kies publikigita materialo estas tute fidinda. Estas nepre necese, ke ĉiuj alilandaj asocioj aŭ societoj senescepte sekvu ĉi tiun bonan ekzemplon, por ke la venonta eldono de la grava Tutmonda Jarlibro prezentu nepre veran kaj fidindan statistikon pri nia afero. *Eko (L. E. A.)*

* **Historio de la lingvo Esperanto.** Unua parto: 1887—1900. De Edmond Privat. — Universala Esperantia Librejo, Genève. 0.500 Sm. [27

* **Karlo.** Rakonto en dudek ĉapitroj. Kvara eldono (dek-dua milo) entute represita laŭ la originala manuskripto. De Edmond Privat. — Universala Esperantia Librejo, Genève. 0.250 Sm. [28

Jen du libroj, pri kiuj la koro de ĉiu fervora esperantisto devas ĝoji. Ĉu estas necese, ke recenzisto diru unu vorton pri la fame konata aŭtoro, kies stilon admiras ne nur komencantoj, sed eĉ malnovaj kaj lertaj esperantistoj? Vere, la formo estas absolute neriproĉinda kaj la stilo modela laŭ ĉiu rilato. Kelkaj malgravaj preseraroj povos esti evititaj en novaj eldonoj, kiuj ja baldaŭ bezoniĝos.

La historio de la lingvo Esperanto estas necesa dokumento en nia movado, kaj ĝi estas la ĝis nun plej detala priskribo de ĉiuj okazintajoj en Esperantujo dum la 13 unuaj jaroj. Estas dezirinde, ke la aŭtoro baldaŭ aperigu la duan parton pri la jus pasinta periodo.

„Karlo", simpla rakonto pri la vivado kaj edukiĝo de simpatia junulo, bone taŭgas kiel legolibro por komencantoj kaj en kursoj.

Mi varme rekomendas ambaŭ librojn, eldonitajn en oportuna mondformato.

*J. Schmid (E. L. A.)*

***Tutmonda Biblioteko je la memoro de L. Tolstoj.** Verkoj de L. Tolstoj, esperantigitaj el rusa lingvo sub redaktado de D-ro N. Kabanov. — Eldonajoj de la firmo „Posrednik" (Peranto), Moskwa:

*No. 1. Dio — unu por ĉiuj.* (Surata kafejo). Tradukis Anna Ŝarapov. — 0.075 Sm. [15

*No. 2. Unu animo en ĉiuj.* Tradukis Anna Ŝarapov. — 0.075 Sm. 16

*No. 3. Unua ŝtupo.* Tradukis Anna Ŝarapov. — 0.150 Sm. [17

*No. 4. Per kio homoj estas vivaj.* Tradukis N. Kabanov. — 0.100 Sm. [18

*No. 5. Dio vidas veron, sed ne baldaŭ diros.* Tradukis N. Kabanov. — 0.075 Sm. [19

*No. 6. Du maljunuloj.* Tradukis N. Kabanov — 0.100 Sm. [20

*No. 7. Kie estas amo, tie estas Dio.* Tradukis N. Kabanov. — 0.100 Sm. [21

*No. 8. Sieĝo de Sebastopolo.* Tradukis N. Kabanov. — 0.200 Sm. [22

*No. 9. Kaŭkaza militkaptito.* Tradukis N. Kabanov. — 0.125 Sm. [23

Kiel recenzon de tiuj ĉi libroj oni konsideru la artikolon „Je la memoro de Tolstoj" sur paĝo 148 de tiu ĉi numero.

*

**Mia Onklino Tatiana Aleksandrovna.** Eltirajo el la memorskriboj de Tolstoj. Esperantigis nur per radikoj de U.V. — Roksano, Vic-Ĉef-Vagabondino. Ricevebla ĉe la aŭtorino, Beziers (Hérault). Francujo. 0,120 Sm.

Malampleksa libreto, kiu pritraktas sur 15 paĝoj la epokon el la juneco de Tolstoj, dum kiu li povis ĝui la neordinaran bonecon de sia onklino Tatiana, kiu foje estis amanta lian patron kaj lin amis ĝis la morto. Tiun amon ankaŭ povis ĝui la filo, do Léon Tolstoj mem. Estas tre agrable, legi tiujn kelkajn paĝojn, kiuj disflugigas tiom da onklina amo.

La stilo estas bonega kaj korekta.

*Charlotte Pulvers (E. L. A.)*

*

**Ankoraŭ pri „La morgaŭa virino".** En numero B. Septembro 1912 de G. E. mi publikigis recenzon pri originala dialogo de Roksano: „La morgaŭa virino". Hodiaŭ mi legis karton de Roksano, en kiu ŝi plendas pri miaj „akraj vortoj" koncernantaj tiun libreton, kaj petas min, ke mi ordigu la aferon ankaŭ publike. Mi ne nuligas miajn recenzajn parolojn per ĉi tiu publikigajo, mi ilin nur iomete ŝanĝas. Roksano sciigas al mi, ke ŝia verketo estas satiro, kaj ke mi tion ne povis ekkoni, ĉar mi verŝajne ne legis ŝiajn ĝisnunajn verkojn. Mi konfesas, ke Roksano estas prava, kaj ke mi ĝis nun nur legis ĉi tiun originalajon de la aŭtorino. Ĝis nun mi konsideris Roksano'n kiel tre moderna kaj iom „morgaŭa" — nu, se mi eraris, des pli bone.

Se oni legas la dialogon, ne pensante pri satiro, ĝi nepre impresas iom naŭza; (pro tio mi ne nuligas mian recenzon.) Sed kiel satiro ĝi tre bone taŭgas kaj trafe mokas la „morgaŭan" tempon. Amikoj de satiro ĝin legu, ili estos riĉe rekompencataj.

*Ch. Pulvers (E. L. A.)*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

**Nr. 25.**

Enigma enskribajo.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĉ | iel | | o |
| | ĝa | sen | |
| | lamon | | |
| | do | D | |
| | i | oĉi | |
| rk | | | aŭ |
| | vika | | |
| jen | | | vi |

*Nolte.*

**Nr. 26.**

La ŝipo atingas la belan, la vorton,
Sed tie suferis kruelan ĝi sorton;
Muĝegas ventego, la ŝipo rompiĝas,
Apenaŭ la multaj ŝipanoj saviĝas;
Sed miloj da sakoj da vorto sen h, ho!
Englutas avide malsata la maro.

*Kobo.*

**Nr. 27.**

○ ○ ○ ○ ○ konata esperantisto.
○ ○ ○ ○ ○ ligno.
○ ○ ○ ○ ○ geometria figuro.
○ ○ ○ ○ ○ parto de l' homa korpo.
○ ○ ○ ○ ○ falsa dio.
○ ○ ○ ○ ○ frukto.

La unua vico, legata de supre al malsupre, montros la nomon de la urbo, en kiu loĝas la esperantisto.

*—z.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato **al nia redaktaro, S-ro Friedrich Ellersiek. Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremion, kiun ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. (Valoro po premio ĝis 1 Sm.)

## Solvoj el la antaŭa kajero.

**Nr. 22.**

Kartelo, mantelo, funelo, zizelo, kelo, relo.

**Nr. 23.**

M**e**lo (aŭ s**e**mo), a**l**eo, t**o**lero, t**o**no (aŭ mot**o**), **h**umo, **i**ndo, **a**vo, **s**ano, **c**aro, **l**udo, **a**fero, **u**ro, **d**orno, **i**ngo, **u**nuo, **s**ago (aŭ taso).

Matthias Claudius.

**No. 24.**

Ŝtupara enigmo.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| i | | | | | | |
| m | i | | | | | |
| m | i | l | | | | |
| l | i | m | o | | | |
| m | i | e | l | o | | |
| r | e | m | i | l | o | |
| m | i | e | l | e | r | o |

**Ĝustajn solvojn sendis:**

a) de ĉiuj numeroj: referendario Arntz, Godesberg; F-ino Bermdorf, Halberstadt; F-ino Kath. Bock, Neukölln; Wilhelm Daum, stud. phil., Gommersheim; F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; A. Neitzel, Hannover; Heinrich Pfaff, Worms; Esperanto-klaso de la lernejo Schönau b. Chemnitz; F. Simmank, Meißen.

b) de du numeroj: Oskar Amm, Stuttgart; M. F. Bastoul, Autry-le-Châtel (Loiret); Oskar Belcsak, Požega (Kroatujo); F-ino Wally Cuno, Königsberg i. Pr.; F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; S-ino Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolo); S-ino Amtsgerichtsrat Else Große, Wolkenstein; Johs. May, poŝtsekr., Saarbrücken 3; F-ino Else Mertens, Berlin; Emil Ziemann, juĝsekretario, Gnesen.

c) de unu numero: Friedrich Francke, München; Carl Handrich, Hellerau b. Dresden; Emil Momber, Oberdollendorf.

La premioj estas gajnitaj per loto de: S-ro Wilhelm Daum, stud. phil., Gommersheim; S-ro A. Neitzel, Hannover; S-ro Heinrich Pfaff, Worms.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj.

**Korekto.**

Pro bedaŭrinda hazardo okazis, ke ni en la antaŭa numero ne publikiĝis la nomojn de kelkaj solvintoj, kiuj sendis siajn solvojn tuj post la apero de la julia numero. Estas la jenaj: Fr. Brož, Chrudim, Bohemujo (2 solvoj); Paul Heidrich, Plauen i. V. (2); E. Momber, Oberdollendorf (2); O. Nauber, supera poŝtpraktikanto, Gera-Reuß (3); M. Wiesner, Düsseldorf (2).

Ni petas la sinjorojn pri pardono pro la neintencita forgeso, kaj ni esperas, ke ili ankaŭ en estonteco restos fervoraj solvantoj. *Redakcio.*

## Redakciaj respondoj

**Al S-ro E. Z., Gnesen.** Dankon pro la alsendo de viaj manuskriptoj. La tradukoj estas sufiĉe bonaj, kaj ni akceptas ilin por enpreso. Sed — vi devas iom atendi, ĉar ni jam havas multeĝe da materialo antaŭe publikigota. Bonvolu okaze disponigi pri la alsendita afrankajo.

**Al S-ro W. H., Schönau.** Bedaŭrinde la loto ne estis favora al viaj lernantoj. Sed por rekompenci ilin por ilia fervoro, ni instigis nian eldonejon, sendi al vi kelkajn libretojn por la biblioteko. Saluton al la malgrandaj pioniroj!

**Al S-ro A., Godesberg.** Kompreneble ankaŭ „bilardo" estas ludo, sed tiu ĉi solvo ne estis ĝusta. Pri „hazardo" bonvolu legi la klarigon sub 1 en la Vortaro de Kabe, kaj vi vidos, ke tiu ĉi vorto plenrajte estas uzebla por ludo, ne malpli ĝuste ol „bilardo".

**Al S-ro E. M., Oberdollendorf.** La unua parto de via alskribaĵo estas plenumita per la korekto, presita sub „Solvoj". — Rilate al la dua punkto ni bedaŭras, ke la klariga rimarko ne estis sufiĉe klara al vi. Kompreneble estis celata la vorto kaj ne la litero. Volonte ni konsideros vian proponon.

**Al F-ino Ŝefer, London.** Volonte ni plenumas vian deziron, jen korektante la erarojn en la raporto pri la plezuroj de la „Oka". Do, vi skribas vian nomon ne „Schäfer", sed Ŝefer, kaj la titolo de via premiita verko ne estas „Biografio de Byron", sed „La genio kaj karaktero de Byron". En la nomo de nia kunlaborantino ni petas vian pardonon pro la eraroj, kiuj devenis el tio, ke la raportintino ne povis partopreni la disdonon de la premioj. — La plenan liston de la premiitaj verkoj ni ankoraŭ ne ricevis. Kiam ni havos ĝin, ni volonte ĝin publikigos. Saluton!

**Al geedzoj Zapater de Chalmot, Köln.** Via anonco pri beno de via edzeco per sana knabo tre ĝojigis nin. Ni esprimas al vi niajn plej korajn kaj sincerajn gratulojn, kaj ni deziras, ke via fileto plenkresku en bonaj sano kaj stato. Al nia kara afero ni deziras, ke li fariĝu same fervora kaj sindona esperantisto kiel vi ambaŭ estas.

**Al S-ro B. S. Moskau.** Via traduko estas danke akceptita, sed pri la publikigo vi devas iom atendi.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.